7a Jaro Nov.-Dec. 1921 11-12 N° (81-82)

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen | Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laûbezone la manuskriptojn.*

## Al nia legantaro

Okaze de la eliro de la lasta numero de nia unua postmilita jarkolekto, ni opinias, ke necese estas rerigardi la ĵus pasintan jaron.

Kiam ni, en la Komitata Kunveno de la Ligo, la 1 an de aŭgusto 1920 prenis sur nin la taskon restarigi «Belgan Esperantiston», ni ricevis kiel devon «aperigi la organon en 1921a almenaŭ ĉiudumonate kaj, se eble, kun dekses paĝoj», entute do 96 paĝoj minimume.

Ni supozas, ke, konsiderante la malfacilaĵojn teknikajn, kiuj malhelpis nin dissendi la unuan numeron antaŭ la monato marto, ni povas fiere montri niajn ses empleksajn numerojn kun entute 2 1 2 paĝoj. La fakto, ke la gazeto estas permaŝine kompostata de neesperantista kompostisto ne ebligis al ni pli oftan aperadon: oni ankaŭ ne forgesu, ke tia presmetodo, en la supraj cirkonstancoj, devigas nin,ankoraŭ nun, skribmaŝine kopii ĉiujn manskribitajn tekstojn, kaj legi 4 aŭ 5 provaĵojn de la presota numero!

Ĉu la liverita laboro estas kontentiga? Jen dua demando.

El diversaj privataj paroladoj kun legantoj de la revuo, ni povas konkludi, ke kelkaj plendas pro tio, ke B. E. ne enhavas sufiĉe da literaturaĵoj, aliaj pro tio, ke ĝi ne enhavas sufiĉe da dokumentigaj artikoloj pri la movado Esperantista, aliaj ankoraŭ pro tio, ke ni ne publikigas sufiĉe da facilaj legaĵoj por komencantoj.

Kaj ni devas konfesi, ke la tri specoj de plendantoj pravas. Efektive, laŭ nia opinio, nia gazeto devas liveri multan legaĵon por komencantoj kaj progresintoj, dum ĝi ankaŭ devas noti regule, por la nunaj kaj estontaj propagandistoj, la progresadon de nia movado en la tuta mondo ĝenerale, kaj en Belgujo speciale.

Pro la neapero de Belga Revuo de 1914 ĝis 1921a, oni komprenos, ke estis necese iomete malzorgi la literaturan parton por doni pli grandan lokon al la dokumentiga kaj historia partoj. En tiu rilato, ni eĉ devas diri, ke kelkaj legantoj, ankaŭ prave, rimarkis, ke nia gazeto ne sufiĉe parolis pri la dummilita movado Esperantista kaj pri la ĉefaj okazintaĵoj dum tiu malfeliĉa periodo: pri la morto de D-ro Zamenhof, kaj de kelkaj aliaj ankoraŭ nun plorataj pioniroj por nia ideo.

Ni certe ne asertos, ke ni senriproĉe plenumis nian taskon, kaj ni humile petas la indulgon de la belga samideanaro, se ni ne ĉiam plaĉis al ĉiuj, sed ni certigas ĝin, ke ni faris nian eblon, kaj petas ke ili memoru, ke: «Nur tiu ne eraras, kiu neniam ion faras!»

La belgaj geamikoj estu konvinkitaj, ke nia plej kora deziro estas, kontentigi ĉiujn — se tio estus eble! —, sed ili ne forgesu, ke por tion fari, ni ne nur bezonas nian propran bonan volon kaj energion. Ankaŭ estas nepre necesa la tutkora kunhelpo de ĉiuj grupoj kaj de ĉiu Esperantisto persone. Se kelkaj societoj efike helpis nin, abonante ĉiujn siajn membrojn, estas aliaj grupoj, kiuj, malgraŭ la decido de la Ligo kaj la diversaj petoj de la Liga Komitato, ne ankoraŭ plenumis sian tutan devon antaŭ la komuna afero.

Se ni plene konsentas, ke, por havi abonantojn estas necese unue ekeldoni la gazeton, ni esperas tamen ke niaj samideanoj komprenas, ke ne estas eble daŭrigi la eldonadon se la geamikoj ne subtenas kaj laŭmerite rekompencas la klopodojn de la gvidantoj, al kiuj ili komisiis la laboron. Ni entreprenis la eldonadon, nehavante eĉ cent abonpromesojn; ni pene kondukis la aferon ĝis la fino de la unua jaro kaj nun ni vokas al ĉiuj Esperantistoj kaj al ĉiuj Esperantistaj grupoj en nia lando:

Ni promesas al vi plenumon de la tuta ĉi supre citita programa kun regula ĉiumonata aperado, sed ni petas de vi vian tutan kaj senrezervan helpon, ne nur de kelkaj el vi, sed de vi **ĉiuj**!

Reabonu do, kaj abonigu! Ĉiu faru sian devon!

B. E.

---

Ni petas ke la Grupoj, **kiel eble plej baldaŭ**, sendu la nomaron (kun adresoj) de siaj abonantoj por 1922 al nia Kasisto: F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle (Bruselo); Poŝta ĉekkonto N° 399.84. Ankaŭ la apartaj abonantoj sendu tuj sian abonmonon al tiu sama adreso. Duoble helpas, kiu tuj helpas!

---

# Por la Monumento Zamenhof

DUA LISTO DE «BELGA ESPERANTISTO».

| | | |
|---|---|---|
| F-ino Louise Hemmer, St. Hubert | Fr. | 5.— |
| S-ro Oscar Van Schoor, Antverpeno | Fr. | 50.— |
| S-ro Mattelaer, Kortrijk | Fr. | 20.— |
| S-ro Axel Baesens, Mechelen | Fr. | 5.— |
| | Fr. | 80.— |
| Antaŭa listo : | Fr. | 63.— |
| | Fr. | 143,— |

Donacojn oni sendu al S-ro F. Schoofs, Antverpeno, poŝtĉekkonto 28420.

# Blindula vivo

## ELTROVAĴOJ DE BLINDA ELEKTROTEKNIKISTO.

Blinda elektroteknikisto, Henriko Nosek, el Beroun apud Praha (Bohemujò),eltrovis aparaton malebligantan absolute ŝtelon de elektra energio de la konsumanto. Dum eksperimentoj faritaj antaŭ la fakuloj oni konstatis, ke la elektra lumo, aligita al la aparato,ĉesis tuj funkcii,kiam ekzemple la taŭga elektra lampeto estis anstataŭita per lampeto de pli forta lumebleco.

La eltrovinto intencas utiligi sian eltrovaĵon tuj, kiam li gajnos necesan monsubtenon.

S-ro Nosek perdis la vidkapablon sekve de iu malfeliĉa okazintaĵo jam kiel kvarjara knabo. Malgraŭ tio li absolvis popolan kaj burĝan lernejekzamenon kun bonega sukceso. Li lernis parkeran kalkuladon, skribadon sur maŝino, kiun instituto de Klar (en Praha) donacis al la lernejo, legadon de blindulaj libroj, geografion, historion, k. t. p. Kun speciala intereso li sekvis natursciencajn paroladojn, precipe pri elektraĵoj. Ĉiam post reveno el lernejo li faris tuj sukcesajn elektroteknikajn eksperimentojn. Post absolvo de la lernejo, li dediĉis sin plene al tiurilata studado. Lia patro havigis al li fakajn librojn, el kiuj oni laŭtlegis al la junulo. Kiel deksepjarulo li faris jam seneraran instaladon de domtelefonoj, elektraj sonoriloj, k. t. p. Ĉe pluaj laboroj helpadis lin poste tre efike kajn sindoneme lia fidela edzino komprenanta bonege liajn interesojn.

Kiel okazas ofte al homoj tuŝitaj per malfeliĉo, eĉ nia Nosek estis ĉiuflanke malhelpata! Ĉar li ne posedis paperan kvalifikaĵon, oni malfavoris lian penon fariĝi konfidinda fakisto, sed fine li tamen sukcesis konvinki la dubulojn pri sia kapableco; li pruvis ĝin farante fakan ekzamenon ĉe konataj ĉefurbaj elektroteknikaj entreprenoj. Tiam oni majstrigis lin.

Nun, kiam li fariĝis konata per multaj rimarkindaj eltrovaĵoj, kiel ekz. pliperfektigo de elektraj gladiloj kun ŝparo de elektra energio k. m. a., li renkontiĝos esperebie ne plu kun malhelpaĵoj, sed kun helpantaj manoj kaj laŭmerita kompreno.

Ni deziras al li multe da sukceso!

(El Bohema porblindula gazeto «Zora», laŭ Esperanta Ligilo, p. 240.)

# Por la blindaj samideanoj kaj " Esperanta Ligilo „

Ne necesas multe insisti pri la graveco kaj utileco de «Esperanta Ligilo» por la blinduloj. Kaj ankaŭ ni ne devas dubi pri la simpatio kiun vekas ĉe ĉiuj el ni la kruela sorto de tiuj niaj kunhomoj. Pro la krizo travivata de la necesega blindula «Ligilo», ni maltime alvokas je praktika elmontro de tiu simpatio.

Pro decido de nia XIIIa en Praha, B. E. kaj aliaj gazetoj Esp. malfermis monkolekton por E. L. Estis ankaŭ proponite ke ĉiuj abonantoj de gazetoj, aŭ membroj de grupoj pagu je sia aliĝkosto iun malgrandan sumon por E. L.

Jam kelkaj grupoj kaj gazetoj sekvis la konsilon. Sed multaj samideanoj dubas pri la utileco de ilia «malgranda» helpero. Nu, pri ties efiko, ni donu la parolon al S-ro Thilander mem, la ŝatata redaktoro de E. L.

« Mi pensas, ke preskaŭ neniu mankus doni tiun helpon, se ĝi ne kaŭzas al li specialan klopodon. Mi kredis kaj kredas, ke plejmultaj aŭ preskaŭ ĉiuj samideanoj volontege skribas sur poŝtmandato 2.50 fr. anstata 2 fr. Sed multaj, kontraŭe, ne sendus la 50 centimojn, se ili devus skribi pro tio apartan mandaton. Ili pensus: «Ho jes, volontege mi donus tiun sumeton, sed pro kio utilas?!» Kaj pro manko de intereso pri la malgranda sumo, li ne skribus la poŝtmandaton specialan. La afero estas tute alia, se li nur bezonas ŝanĝi ciferon sur mandato ĉiukaze skribota. Same pri societaj kotizaĵoj. La nealdono de krompagoj, tute ne devenas de manko de intereso pri la blinduloj, tute ne! Ĝi nur dependas de mankanta kredo je la graveco de tiel malgranda sumo. Sed miloj da tiaj krompagoj tamen povus savi nian Ligilon! Kaj ni ne havos la milojn, se ni ne ricevas la opajn monhelpojn.»

Vivu Esperanta Ligilo de la blinduloj!
Helpu ĝin, vidantaj samideanoj!

H. O. V. E.

Noto: Mi esperas ke S-ro Thilander ja indulgos min pro la publikigo de ĉi tiu privata korespondaĵo, ĉar mi estas certa ke bone ĝi efikos, kaj, leginte ĝin, ĉiuj kunigos sian moneron.

POR «ESPERANTA LIGILO» DE LA BLINDAJ ESPERANTISTOJ.
NIA DUA LISTO:

| | | |
|---|---|---|
| F-ino Louise Hemmer, St. Hubert | Fr. | 5.— |
| S-ro Oscar Van Schoor, Antverpeno | Fr. | 25.— |
| Mehlena Grupo Esperantista | Fr. | 5.— |
| S-ro Vermeulen, St. Nikolaas | Fr. | 5.— |
| .alekto ĉe la Kristnaka festo de la Esp. Grupoj en St. Nikolaas | Fr. | 79.— |
| | Fr. | 119.— |
| Antaŭa listo | Fr. | 48.75 |
| | Fr. | 167.75 |

Donacojn oni sendu al S-ro F. Schoofs, Antverpeno, poŝtĉekkonto 28420.

# Internacia konferenco por la instruado de Esperanto en la lernejoj

Tiu konferenco okazos en la Palaco de la Ligo de Nacioj laŭ kunvoko de la Instituto J. J. Rousseau (Universitata lernejo pri Eduka Scienco) en Genève 18-21 aprilo 1922a.

Jen ĝia provizora programo:

1e Raportoj pri spertoj faritaj en lernejoj;

a) unuagradaj; b) duagradaj; c) profesiaj, komercaj, k. t. p.

2e Valoro de Esperanto kiel logika preparo al studo de ceteraj lingvoj;

a) gepatra; b) fremdaj; c) klasikaj.

3e Valoro de Esperanto rilate je socia kaj homara vidpunkto;

a) intereso pri fremdaj popoloj; b) intereso pri paco kaj Ligo de Nacioj; c) tuja uzado.

4e Organizado de la instruado:

a) metodoj; b) lernotempo; c) internacia korespondado.

5e Oficiala enkonduko de Esperanto en lernejoj;

a) projekto de interŝtata akordo submetoto al Ligo de Nacioj; b) agado ĉe registaroj kaj parlamentoj.

La Komitato vokas al ĉiuj instruantoj de Esperanto en lernejoj kaj al ĉiuj spertuloj, ke ili anoncu sian partoprenon kiel eble plej baldaŭ al Instituto J. J. Rousseau, Esperanto Konferenco, Taconnerie, 5, Genève.

---

# La Universala ekspozicio de 1930a en Bruselo kaj la Internacia urbo

La UNUIGO DE LA INTERNACIAJ ASOCIOJ sendis al la belga Registaro projekton pri kombino de la Brusela Ekspozicio en 1930a, okaze de la centjara datreveno de la Nacia sendependeco, kun ekspozicio de daŭra Urbo Internacia.

La raporto, prezentita de S-ro Paul Otlet, priskribas la historion de la Universalaj ekspozicioj. Li montras kiel la projekto estas natura sekvo de ilia antaŭa disvastiĝo kaj de tiu de la antaŭ nelonge restarigitaj foiroj. Aliflanke, la 168 internaciaj kongresoj kunvenintaj en la nura jaro 1921a estas pruvoj pri la multobliĝo de la internaciaj rilatoj de post la milito. Rimedoj devas esti disponigataj al la grandaj tutmondaj interesoj organizitaj kaj al la institucioj de la ekonomia kaj intelekta vivo, por starigi fiksan kaj seninterrompan Centron. Tiele ili povus efike kaj kunordigite agi en kaj influi sur la gravaj homaraj demandoj.

La unua internacia ekspozicio okazis en la Kristala Palaco en Londono dum la jaro 1852. La dua havis lokon en Parizo en la Palaco de

l'Industrio en 1855, kaj kunigis 24.000 ekspozantojn. De tiu momento la institucio estis fondita, kaj laŭvice organiziĝis samspecaj ekspozicioj en Vieno, Nov-Jorko, eĉ en Aŭstralio.

Iom post iom, ilia graveco iĝis pri granda. En 1867, la ekspozicio de Parizo havis 42.000 ekspozantojn, kaj Parizo, estis dum multaj monatoj iu Babilono, kiun la reĝoj vizitis unu post la alia. En 1878 la nombro de la elmontrantoj estas 53.000 kaj tiu de la vizitantoj 12.000.000. En 1900 oni atingas la nombron de 60.000 partoprenantoj.

La proksima ekspozicio ne plu devus esti neplena, trorapida, provizora ellaboraĵo, kun celo preskaŭ nur komerca, sed ĝi devus esti sintezo zorge kunordigita de la Universala Progreso, cedonta ĝustan lokon al la Scienco, al la Arto, al la socia organizado, same kiel al la ekonomia vivo.

Sed kiel realigi tiun ideon ? Kiel formi tiun Urbon ? Laŭ la raportinto, ĝi estus la kunliga centro de ĉiuj grandaj movadoj de la tutmonda vivo. Laŭ intelekta kaj scienca vidpunktoj tiu centro ludus konsiderindan rolon en la mondo, kaj Belglando ludus la rolon, kiu ŝajnas esti antaŭdestinita al ĝi, laŭ ĝia pasinteco kaj laŭ la hazardo de ĝia geografia situacio ĝi iĝus la granda krucvojo, kie rekontiĝus la diversaj ideoj de la mondo, kie la intelekta vivo kunfluus, de kie elŝprucus varma kaj hela radiaro sur la tutan homaron.

Oni tuj komprenas, kia granda progreso prezentus tiu projekto, se ĝi estus zorge studata kaj realigata. La ekspozicio estus sintezo perfekta kaj vivanta de la Universala progresado, tia kia ĝi estos karakterizata en la unuaj jaroj de la rekonstruo de l'mondo post la granda milito, ĝi estus modela urbo kaj memoriga monumento de la klopodego de ĉiuj popoloj. Tiele konceptita, la Brusela ekspozicio de 1930 povus havigi al si tute novajn karakterizaĵojn, ĝis nun nekonatajn.

---

# Malfeliĉa knabino.

Se ni povus vidi la pensojn de ĉiu persono aŭ legi sur la vizaĝo tion kio okazas en ĝia interno, kiom da mizeroj, malfeliĉaĵoj kaj aliaj okazintaĵoj estus al ni montritaj. Kiom da homoj sin kaŝus sub la tero, ĉar ili ne povus rezisti tian teruran esploron; kiom da fojoj ni renkontis sur la strato amikojn kaj konatulojn, kiuj ŝuldas al ni favorojn kaj ruĝiĝis, kiam ili vidas nin, kaj faras ĉiujn eblojn por eviti nian renkonton! Kaj fine kiom da homoj elegante vestitaj promenas tra niaj ĉefaj stratoj kaj, se ili kuraĝus, petus al ni almozon ?

La fakto okazinta al mi antaŭ ne longe asertas tion, kion mi diras, kaj samtempe pruvas, ke oni ne konus la feliĉecon se antaŭe oni ne estus koninta la malfeliĉecon. Estis unu el tiuj malvarmaj noktoj de Januara monato. Mi ĵus estis elirinta el la teatro kaj rapidis hejmen.

Antaŭ ol fini unu el niaj stratoj, venis al mia renkonto fraŭlino, modeste vestita, kiu per singulta voĉo vokis min: «Sinjoro, Sinjoreto!» Unue mi ne volis atenti ŝin, kredante ke ŝi estis unu el tiuj kiuj ek-

zercas sian komercon nokte. Sed ŝiaj ploroj kaj sopiroj estis por mi tiel interesaj, ke, forgesante la unuan impreson, mi estis devigata demandi, kio okazis al ŝi. «Ho Sinjoro!» aldonis ŝi per singulta voĉo, «kompatu min, mi estas la plej malfeliĉa virino, kiu estas en la mondo. De tri monatoj mia patrino estas en la hospitalo kaj hodiaŭ matene la dommastro forpelis min el la domo, ĉar mi ne povas pagi la luprezon». Je tiu neatendita renkonto mi ne povis resti surda. Sekvante la sentojn de mia koro, mi kondukis ŝin en hotelon kaj pretigis dormoĉambron por ŝi. La morgaŭan tagon mi vizitis ŝin. Ne estis necese demandi pri ŝia sanstato. Ŝiaj okuloj pli elokventaj ol la vortoj, kiujn ŝi povis diri, pruvis klare, ke ŝi pasigis la nokton maldorme kaj plorante, ĉar ili estis ankoraŭ ŝvelitaj pro konstanta plorado. Ke ŝi estis honesta knabino mi ne havis dubon, nur la malfeliĉeco estis kaŭzo de tia situacio. Mi ne volis forlasi ŝin en la mizero. Mia devigo estis eltiri ŝin el la danĝero. Mi kondukis ŝin ĉe unu el miaj parencoj kiu, komprenante ŝian malfeliĉecon, dungis ŝin kiel servistinon.

Malmulte daŭris ŝia feliĉeco. La estonteco rezervis al ŝi tagojn pli malfeliĉajn.

Ŝi amis min treege. Sed bedaŭrinde mi ne povis ami ŝin kiel mi volis. La edzeco starigis inter ni murojn. Mi havis edzinon kaj, krom tio, infanino plenigis la feliĉecon de mia hejmo. Je tiaj cirkonstancoj mi decidis rompi por ĉiam tiujn rilatojn, kiuj poste povus havi malagrablan epilogon. Mi ne parolis plu kun ŝi.

Pasis unu jaro, kaj kiam mi preskaŭ forgesis mian aventuron mi ricevis suspektindan leteron. Mi rompis la koverton kaj kun surprizo inter aliaj aferoj mi legis la jenon: «Mia kara, kiam vi ricevos tiun-ĉi leteron, mi jam estos mortinta. Ĉar mi ne povas ami vin kiel mi volas, mi decidis finigi mian vivon kiel eble plej baldaŭ.»

Fulmotondro ! La morgaŭan tagon la gazetaro publikigis la jenan sciigon.

«Hieraŭ matene juna virino sin ĵetis en la maron. La klopodoj kaj penoj de kelkaj maristoj, por savi ŝin, estis senfruktaj, kaj kiam oni eltiris ŝin el la maro ŝi jam estis kadavro; oni trovis en ŝia poŝo naztukon kun la literoj D. S.» Malgranda larmo rulis sur mia vizaĝo.

LEONARDO RENOM (Barcelono).

# Belga kroniko

ANDENNE. — Dank'al la laŭdindaj klopodoj de S-roj D-ro Melin kaj L. Cogen, tiel efike subtenataj de S-ro Decoquibus per lia gazeto «Le Mosan», fondiĝis Esperantista grupo en tiu urbo. Por organizi kurson malfermotan la 4-an de januaro, tiu nova grupo, kiu, je la fino de dec. jam konsistas el 25 membroj, ricevis de la Urbestraro la permeson uzi tiucele ĉambron en la Mezgrada Lernejo. Ni gratulas la gvidantojn pro iliaj ĝisnunaj sukcesoj, kaj deziras al ili fruktodonan laboron.

ANTVERPENO. — En la komenco de decembro okaziš en la «Popola Domo» parolado propaganda de S-ro W. Swalf. Ĉeestantaro de proksimume 30 personoj prezidital de S-ro Gust. Laroche, sekretario de la Ĝenerala Federacio de la Fakligoj en Antverpeno. Sekvo de tiu parolado estas la organizo de kurso en tiu Federacio, kun 55 partoprenantoj. Gvidas la kurson S-ro Jos. Swalf.

En la urba kvartalo «Kiel» okazas nun du oficialaj vesperkursoj gvidataj de S-ro Michiels, urba instruisto.

BRUSELO. — La grupo «Antaŭen», de St. Gilles, kore invitas ĉiujn geesperantistojn, ĉeesti la feston, kiu okazos dimanĉon, la 29an de januaro, je la 3a h.p.t., ĉe Fédération Post scolaire, Parvis, St. Gilles. Venu multnombre! Lastan jaron la festo estis sukcesplena.

Lundon, 7an de novembro, S-ro inĝeniero R. Sibeth el Granda Duklando Luksemburgo, sed nun loĝanta en Bruselo, faris interesplenan paroladon pri Esperanto, antaŭ multnombra aŭdantaro ĉe la «Union Grand - Ducale Luxembourgeoise». S-ro Sibeth, kiu sekvis lastjare la kurson de F-ino Jennen estas lerta Esperantisto kaj propagandisto.

La 10an de Nov. nia samideanino F-ino Jennen sukceplene faris sian paroladon pri Ĉeĥoslovakujo en la urbdomo de Uccle.

OOSTDUINKERKE. — S-ro P. Benoit, jam malnova samideano el Francujo, estas la nuna estro de «Grand Hôtel». En sia propra lando li jam multe propagandis kaj instruis Esperanton ,kaj li intencas ankaŭ organizi propagandon en sia nova loĝregiono. Intertempe ni povas promesi al ĉiuj geamikoj, kiuj vizitus la marbodon, ke ili trovos ĉe S-ro Benoit plej koran akcepton.

VERVIERS. — La agema «Esperantista Grupo» volas retrovi sian antaŭan viglecon. Plej sukcese ĝi daŭrigas la publikigon ĉiusemajnan de lastaj novaĵoj esperantismaj ne nur en la kvin tiulokaj ĵurnaloj,sed eĉ en «Fliegende Taŭbe» de Aubel (ĵurnalo por la germanlingva parto de Belgujo). Jen nepre imitinda ekzemplo!

La sama grupo akiris eminentajn novajn honormembrojn; inter tiuj ni citu kiel honoran vic-prezidanton: S-ron Urbestron Lucien Defays.

Je l'komenco de Novembro, la grupo ekdonadis tri kursojn en sia sidejo, gvidataj de S-roj Delhez, Hérion kaj Dohogne H. Entute ĉirkaŭ 80 partoprenantoj, kies plej granda parto estas junaj gestudemuloj, sed ankaŭ ekzemple fraŭlineto 10 1/2 jara kaj gratuleginda maljunulo 60 jara. Areto da instruistoj ĵus ankaŭ enskribiĝis.

Ĝenerala kunveno. Ok personoj, fininte kurson, estis akceptataj kiel membroj.

Lundon 14an okazis en la ĉambrego de la Mutuelle, popola universitato, majstra parolado de S-ro Paul Otlet, direktoro de la «Palais Mondial» de Bruxelles, kaj sekretario de la «Unuiĝo de la Internacia Asocioj», pri ĉiuj postmilitaj homaraj demandoj kaj Internaciismo. Esperanto ne estis forgesata kaj la parolanto gratulis la organizantojn de la nun okazantaj kursoj.

Mardon sekvantan, antaŭ 30 personoj juna S-ro Bologne, filo de la socialista deputito parolis en la «Semeuse», fako de la Popola Domo, por prezenti senpartie (laŭaserte) la ĝeneralan demandon pri la lingvo internacia, por ke la komitato povu elekti unu por kurso donota.

Verdire, la parolado estis nur mokema atako kontraŭ Esperanto kaj laŭdado de Ido. Kvankam li parolis je l'nomo de l'Scienco, tiu sinjoro eldiris amason da malveroj — ĉu pri ĝenerala informoj, ĉu pri lingvaj detaloj — kaj donis la evidentan pruvon, ke li konas nek Esperanton, nek Idon kaj eĉ nek iun ajn alian lingvan demandon. Pro manko de tempo, kaj pro la fakto, ke tiaj lernigaj kunvenoj ne povas fariĝi kontraŭdisputaĉoj, niaj amikoj refutis nur kelkajn punktojn. La kunveno fermiĝis sen ia rezulto. Cetere, kian rezulton povas doni tiaj disputoj: mokatigi ambaŭ Esperantistojn kaj Idistojn kaj finfine malfruigi la venkon de la demando pri Lingvo Internacia.

Lundon 21an, denove en «La Mutuelle», parolis S-ro senatano Lafontaine pri la «Societo de la Nacioj», kies delegito li estas. Menciis ankaŭ Esperanton.

# Belga gazetaro

«De Standaard» kaj «Morgenpost» represis la 3an de nov. parton de artikolo publikigita en «Dietsche Warande en Belfort», laŭ kiu Prof. Carnoy asertas, ke ĝojiga estas la fakto, ke depost la milito la angla lingvo multe progresas. Li faris alvokon por helpi tiun disvastigon, kun la celo starigi kiel ĝeneralan lingvon, idiomon, kiu alproksimiĝas la flandran lingvon. La aŭtoro neas la gravecon de Esperanto, kiu apenaŭ povas esti uzata por interŝanĝo de tre simplaj kaj tute kosmopolitaj ideoj! Nia antverpena samideano Maur. De Ketelaere tuj respondis al tiu artikolo per sencoplena kaj bone dokumentita pledado por Esperanto, kiu aperis en ambaŭ ĵurnaloj la 12an de novembro.

«Volksgazet» (Antverpeno) 28 okt., 7 nov., 6 dec. publikigis propagandajn artikolojn kun anoncoj de kursoj organizotaj en la «Federacio de Fakaj Ligoj» kaj en la «Socialista Juna Gvardio».

«De Diamantbewerker» (Antverpeno) 17, 24, 31 dec. ankaŭ propagandas por la kurso de la F. F. L. kaj konigas specialajn alvokojn por ĉeesti feston de la Antverpenaj Diamantistoj Esperantistaj je la profito de «Zonnestraal» organizaĵo kontraŭtuberkuloza de la Diamantistaro. Tiu festo okazos la 7an de januaro 1922a.

«De Schelde» (Antverpeno) 26 nov. atentigas sian legantaron kaj la Komercan Foiron de Bruselo pri la fakto, ke multaj... aliaj... komercaj foiroj en la mondo komprenis la gravecon de internacia lingvo, uzante Esperanton por sia propagando.

«Le Jour», «Le Travail», «L'Union Libérale (Verviers) 18, 28 nov. enhavas detalan raporton pri la paroladoj faritaj en «La Mutuelle» de niaj eminentaj amikoj Senatano Lafontaine kaj P. Otlet.

«Le Travail» (Verviers) 2 nov. represas la tutan leteron de Henri Barbusse al la XIIIa Kongreso en Praha.

Plie, la kvin ĵurnaloj de Verviers ĉiusemajne publikigis iun aŭ alian artikolon pri Esperanto kaj ĝia progresado.

«Le Mosan» (Andenne) ankaŭ senlace daŭrigas sian propagandon por nia afero, publikigante ĉiusemajne ĉefartikolon pri la gramatiko

de Esperanto. La lastaj numeroj enhavas alvokojn por starigo de Esperanta Grupo en Andenne, kaj pri organizo de publika kurso en tiu urbo, komence de januaro 1922a. Ni scias, ke la grupo jam konsistas nun el pli ol 20 membroj. Pro tiu rezultato ni dankas la persistan agadon de S-ro Decoquibus, helpata de niaj bonaj amikoj Cogen kaj D-ro Melin.

DELGARBO.

# La progresoj de Esperanto

EN 29 BULGARAJ REALAJ GIMNAZIOJ Esperanto nun estas instruata. Laŭ propono de la Bulgara Esperantista Societo, la Ministro de Popola Instruado konsentis oficialigi kiel instruistojn, la personojn kiujn la Societo prezentis al li kiel taŭgajn instruantojn de Esperanto.

LA INTERNACIA POPOLA UNIVERSITATO en Helsingör (Danlando) enkondukis Esperanton en sian instruplanon.

ESPERANTO - LERNEJOJ estas fonditaj en Auerbach (Saksujo).

LA INTERNACIA LABORA OFICEJO (Genève) uzas Esperanton kaj eldonis jam tri interesajn dokumentojn por diskonigi sian celon kaj fundamenton: 1. Kio estas Int. Lab. Oficejo? Kial ĝi estas kreita? 2. La Internacia Labora Organizo; 3. La Labora Ĉarto.

LA KLUBO DE ĈEĤOSLOVAKAJ TURISTOJ (21000 membroj) decidis fondi Esperantistan Sekcion, celantan propagandi ta turismon inter la esperantistoj kaj pere de Esperanto disvastigi en fremdlando la scion pri la turista movado enlanda, kaj la naturaj belaĵoj de la respubliko.

LA URBA KOMERCA LERNEJO EN ELBING enkondukis la instruadon de Esperanto.

INTERNACIA KONFERENCO PRI INSTRUADO DE ESPERANTO. — La «Instituto Jean Jacques Rousseau» en Genève (lernejo por edukaj sciencoj, aligita al la Universitato) decidis kunvoki dum proksima printempo (Pasko) internacian konferencon, kiu diskutos pri la spertoj ĝis nun faritaj kun la instruado de Esperanto en diversaj lernejoj, kaj kiu ankaŭ okupos sin pri la ĝeneraligo de tiu instruado.

NI SCIAS ke la kantono Genève enkondukis Esperanton en siaj lernejoj. La 1-an de nov. okazis en «Institut J. J. Rousseau» granda publika kunveno kunvokita de la «Pedagogio Societo» kaj de la «Unuiĝo de la Instruistoj». S-roj Malche, Edm. Privat kaj Pierre Bovet, direktoro de la instituto, parolis pri Esperanto, kaj la kunveno voĉdonis rezolucion, gratulante la Instruadon Departementon, pro ĝia iniciativo, kaj dezirante sukceson al la progresado de esperanta instruado en ĉiuj lernejoj de la mondo.

LA FINNLANDA PARLAMENTO duafoje konsentis la subvencion de Fm. 25000 al Esperanto - Asocio de Finnlando.

LA PREZIDANTO DE LA BRAZILIA RESPUBLIKO, D-ro Epitacio Pessôa, deklaris al la reprezentantoj de la Brazila Esperantistaro, kiuj

lin vizitis la 12an de decembro, ke li estas konvinkita, ke la internacia lingvo Esperanto estos tre utila al la homaro, dank'al ĝia facileco kaj promesis sian helpon al la propagando de Esperanto kaj precipe al ĝia instruado en la publikaj lernejoj. Li danke akceptis kelkajn Esperantajn librojn, promesante ellerni la helpan lingvon tuj, kiam li havos disponeblan tempon.

# XIVa Universala Kongreso de Esperanto

EN HELSINKI-HELSINGFORS, FINNLANDO, LA 6-12 DE AUGUSTO 1922.

DUA KOMUNIKO.

1. **Aliĝo.** — La LKK denove memorigas la samideanojn aliĝontojn pri la dezirindeco ensendi la aliĝon kaj kotizon kiel eble plej frue, por ke la LKK ricevu monon tuj en la komenco, kiam ĝi estas plej bezona. Aliĝoj sen kotizo ne estas enregistrataj. Pagu per bankĉeko!

2. **Aliĝoj.** — Atingas 38.

3. **Sciigoj al la aliĝintoj.** La LKK sendas ĉiujn komunikojn aperintajn kaj aperontajn al la aliĝintoj, kaj petas ilin en propra intereso konservi kaj plej atente trastudi ĉi tiujn. Sciigoj donitaj en unu komuniko ĝenerale ne estos ripetataj.

5. **Kongresa banko.** — La LKK faris interkonsenton kun «Osakepankki Ulkomaankauppaa varten — Aktiebanken för Utrikeshandel» (Akcia banko por eksterlanda komerco) kiu funkcios kiel kongresa banko kaj malfermos filion dum la kongresa tempo en la akceptejo.

La banko konsentis eldoni en Esperanto broŝuron pri la ekonomia vivo de Finnlando, tiu broŝuro estos senpage disdonata al ĉiuj kongresanoj kaj sendata al delegitoj de UEA, vojaĝoficejoj, Esperantaj grupoj ktp.

6. **Depono de mono.** — Pri tiu detalo ni rememorigas al nia 1:a komuniko. La mono povas esti sendata ankaŭ senpere al la kongresabanko (adreso Helsingfors), sed en tiu okazo estas dezirinde ke la sendinto samtempe sciigu al LKK pri la depono.

7. **Blindula kaso.** — Atentante al deziresprimo de la XIII kongreso en Praha la LKK akceptas pere de la aliĝiloj donacojn por la eldona kaso de blindaj esperantistoj.

8. **Garantia kapitalo.** — Ĝis nun estas notitaj garantioj por 2900 Fmk.

9. **Donacoj.** — La LKK danke notas donacojn por 820 Fmk.

Ni volas atentigi al la kongresanoj, ke se ĉiu aliĝanto havigos al la kongresa kaso donaceton egalvaloran al lia kotizo la financoj de la kongreso estos sur firma fundamento.

10. **Kongresa afiŝo.** — La LKK eldonos, laŭ skizo farita de la artisto Sro Eric Vasström, belan kongresan afiŝon en 3 koloroj, kiu estos dissendata por elpendigo en 9.000 ekzempleroj ĉirkaŭ la tuta mondo al la delegitoj de UEA, esp. grupoj, vojaĝoficejoj ktp.

11. **Kongresaj poŝtkartoj.** — La LKK eldonos kongresan propagandan poŝtkarton laŭ la sama bildo, kiel la afiŝo, en 3 koloroj. Ĝia prezo estas Fr. 0.25. La samideanoj estas petataj kiel eble plej multe uzi ĉitiujn poŝtkartojn.

13. **Kotizoj kaj prezoj.** — Ĉiu pagas en la valuto de sia lando.

La LKK penis laŭ ebloj apliki favorprezojn al la landoj, kies valuto estas malalta.

La financoj estas bazitaj sur la supozo, ke la kongresanoj el la altvalutaj landoj aĉetos la eldonaĵojn almenaŭ egale intense, kiel tiuj de la malbonvalutaj. Ni do uzas ĉi tiun okazon por insiste peti al la altvalutuloj, ke ili vigle aĉetu la proponatajn publikaĵojn, kiuj ĉiuokaze, pro la malalta valuto Finnlanda, estas tre malmultekostaj por ili.

14. **Ekskursoj.** — Dum la kongresa semajno ekskursoj — krom en la apudajn ĉirkaŭĵojn de la urbo — verŝajne ne okazos, pro la longaj distancoj. Sed la LKK, en la kunlaboro kun la Turista Societo de Finnlando, penos aranĝi diversajn turistajn ekskursojn antaŭ kaj post la kongresa semajno, kaj petas la samideanojn-aliĝontojn sciigi, ĉu ili povos kaj dum kiom da tempo, resti en Finnlando antaŭ aŭ post la kongreso kaj kiujn specialajn dezirojn ili havas koncerne la pasigon de la tempo ĉitie. La LKK penos doni ĉiujn deziritajn informojn.

15. **«Vojaĝado en Finnlando».** — En komenco de venonta jaro estos re-eldonata, en kunlaboro kun la Turista Societo de Finnlando la ilustrita gvidolibro «Vojaĝado en Finnlando», kiu interese priskribas la vidindaĵojn de nia lando. La teksto estos tute nova kaj pligrandigita kaj la ilustraĵoj multaj kaj belaj. Prezo: Fr. 2.50.

16. **Gazeta propagando.** — Ĉar estas dezirinde fari propagandon pri la XIV ne nur en la Esperanta gazetaro sed ankaŭ en la ĉiunacia, la LKK petas samideanojn en ĉiuj landoj, ke ili penu fari interkonsenton kun la gazetoj de sia urbo pri publikigo de antaŭkongresaj novaĵoj kiuj la samideanoj povos fari laŭ la komunikoj, kaj de postkongresa raporto, kiun la LKK verkos kaj sendos al petintoj. Ankaŭ ilustraĵojn de la kongreso kaj la kongresurbo la LKK laŭ peto sendos, kondiĉe ke ili estos represataj en naciaj ilustritaj gazetoj.

17. **Loĝigo.** — Pri la vivkostoj en Finnlando ni raportos detale en venonta komuniko. Ĉi tiun fojon ni kontentiĝas je la informo, ke loĝejo kaj manĝo en Helsingforsa hotelo kostas 50 — 100 Fmk por personoj kaj tago.

18. **Dato de la kongreso.** — Post interkonsiliĝo kun KKK la LKK decidis, ke la kongreso okazos la 6 — 12. de aŭgusto 1922.

19. **Alveturo.** — Ĉar la kongreso ĉitiun fojon okazos en lando, kien

ĉiuj eksterlandanoj devos veni trans la maro, la LKK speciale atentos pri bona aranĝo de la alveturo de la ŝipoj. La intertraktadoj kun la Finna Vaporŝipa Kompanio ankaŭ jam kondukis al principa interkonsento, laŭ kiu ni jam nun povas doni la jenajn informojn.

**Brita Imverio.** — Ŝipo (verŝajne «Arcturus») eliros el Hull merkredon la 2an de aŭgusto, tra Kopenhago (4/8), kie ĝi restos nur kelkajn horojn, kaj alvenos Helsingforson dimanĉon la 6an posttagmeze. Vojaĝprezoj, speciale rabatitaj por la kongresanoj, estos maksimume en Ia Klaso p.s.t 14:8/—, IIa Kl. p.st. 11:12/— kaj en IIIa Kl. p.st. 6:14/— (ĉio **kun manĝo**).

**Danujo.** — La ŝipo el Hull prenos la danajn samideanojn el Kopenhago vendredon la 4:an de aŭgusto ptm. Alveno Helsingforson la 6:an. Vojaĝprezo maksimume en Ia Klaso D. Kr. 160: —, IIa Kl. D. Kr. 120: — kaj en la IIIa Kl. D. Kr. 72: — (ĉio kun manĝo).

**Germanujo.** — El Stettin (verŝajne «Ariadne») eliros merkredon la 2an de aŭgusto alvenante Helsingforson vendredon la 4an. Vojaĝprezoj maksimume en Ia Kl. Finn. Mk. 720: — kaj en IIa Kl. Fmk. 640: — (ĉio kun manĝo).

**Svedujo.** — El Stockholm ŝipoj iros 3 foje semajne. Plej konvena ŝipo por la kongresanoj eliras ĵaudon la 3:an de aŭgusto, alveno Helsingforson vendredon la 4:an. Vojaĝprezoj maksimume en Ia Klaso Sv. Kr. 80:—, IIa Kl. S. Kr. 64: — kaj en la IIIa Kl. (sen kajuto) S. Kr. 48: — (ĉio kun manĝo).

**Estonujo.** — Pri la alveturo trans Tallinn ni informos poste.

**Aliaj linioj.** — Krom tio ekzistas eblecoj ke speciala ŝipo povu veturi el Lübeck vendredon la 4an de aŭgusto Helsingforson lundon la 7an frumatene. Prezoj samaj kiel el Stettin.

Por la linio Antverpen — Rotterdam — Helsingforso ankoraŭ ne estis eble rezervi ŝipon. La Finna Vaporŝipa Kompanio ne havas disponeblan pasaĝerŝipon kaj la ŝarĝoŝipoj, kiuj ordinare trafikas tiun linion, ne povas preni pasaĝerojn. La LKK daŭrigos siajn penadojn. Tamen estas eble, ke ĝi ne sukcesos, kaj en tiu okazo la francoj, belgoj kaj nederlandanoj, por kiuj ĉi tiu linio estis intencita, devos aliĝi al la karavanoj tra Hull, Kopenhago aŭ Stettin (kaj eventuale Lübeck). La lastaj vojoj ĉiuokaze estos la plej malkaraj.

La vojaĝprezoj ĉi tie donitaj estas specialaj rabatprezoj por la partoprenontoj de la XIV kongreso. Ili inkludas liton en kajuto (krom en unu notita okazo) kaj manĝon dum la tuta vojaĝo. La prezoj estas maksimumaj; ebleco ekzistas, ke ili estos ankoraŭ iom malaltigataj.

La samideanoj, kiuj deziras uzi ĉi tiujn ŝipojn, devos pri tio informi al Lkk aŭ al la Karavangvidantoj en la diversaj landoj plej malfrue 6 semajnojn antaŭ la ekveturo.

Koncerne la forveturon el Helsingforso post la kongreso, la LKK ankaŭ povas sciigi, ke ŝipoj al Hull kaj Stettin foriros sabaton la 12an de aŭgusto vespere, kaj al Stockholm dimanĉon la 13an matene, kiujn okazojn do povos uzi la samideanoj kies libertempo ne permesas pli longan restadon en Finnlando. La ŝipoj elveturas ĉiusemajne, la nomitajn tagojn.

LA LOKA KONGRESA KOMITATO.

# La demando pri la plibonigo de la Muzikskribo kaj ĝia solvo per la Aŭtonoma Muziknotado

La celo de la jena artikolo estas konkludi al la supereco de la «Aŭtonoma Muziknotado», inter la diversaj provoj por plibonigo de la ordinara muzikskribo; kaj por montri tiun superecon, estas necese scii tion kio, en la ordinara muzikskribo, estas taŭga kaj ankaŭ tion kio, en ĝi, estas plibonigebla kaj plisimpligebla. Tial ni devos klarigi la devenon kaj la evolucion de tiu skribo, montri kiamaniere oni proponis plibonigi ĝin kaj, per komparo, konkludi al la meritoj de la «Aŭtonoma muziknotado», kies aŭtoro estas S-ro Jean Hautstont.

* * *

Ni citu, unue, nur mallonge, la muziknotadojn de la antikvaj Grekoj kaj Romanoj, kiuj konsistis el la literoj de la alfabetoj uzitaj de tiuj popoloj. La Grekoj eĉ havis du skribojn; unu por la instrumenta muziko, la alian, por la voĉa. Ilia klarigo estus afero tute ne facila kaj cetere ĉi-tie ne utila. La Romanoj ŝajne uzis ankaŭ diversajn «variantojn», multe pli simplajn ol la du grekaj sistemoj: Gevaert en sia «Histoire et théorie de la musique dans l'Antiquité» pretendas ke, dum la unuaj jarcentoj de la postkrista epoko, ekzistis, en Okcidento, sep tiaj muzikaj alfabetoj, kaj li klarigas ilin.

Tamen tiuj-ĉi literaj sistemoj ŝajnas esti uzitaj nur por la teoria klarigo de la muziko, sed ili lasis gravan postsignon en nia nuna muzikskribo, kiel estas baldaŭ dirote.

Proksimume je la VIIIa jarcento aperis, por noti la kantojn de la Roma Eklezio, nova skribo nomita «neŭmoj». La devenaj signoj de la neŭmoj estas la akcentoj kaj la punkto de la ordinara skribo (ˊ ˋ ·), kies kunigo produktis la akcentojn cirkumfleksan kaj malcirkumfleksan (∧∨). La akuta akcento ( ˊ ) montris ke la kanto devas iri de malsupra sono al pli supra; la malakuta akcento ( ˋ ), kiu baldaŭ simpliĝis en punkto, signifis, ke la kanto devas malsupreniri. La du aliaj, kunmetitaj signoj, montris do ke la voĉo devas unue supreniri kaj poste remalsupreniri aŭ reciproke. La unuaj neŭmoj montris ne ian sonon, ian «noton», sed movon de la voĉo. Iom post iom, la signoj de la neŭmoj komplikiĝis je formo kaj signifo, kaj la kombinaĵoj ricevis nomojn, kompreneble latinlingvajn, kiel : virga, punctum, podatus, clivis, torculus, porrectus, salicus, climacus, quilisma, kc. kc. Ne estas ĉi-tie la loko por klarigi ilian signifon detale.

Dum la unua periodo de sia ekzistado (± VIIIa — Xa jarcento), la neŭmoj do ne kapablis kaj ŝajne ne celis esprimi difinitajn sonojn. Ili estis nur helpa rimedo por memorigi al la kantistoj sur kiuj vortoj aŭ silaboj de la kantota teksto, ili devis supren- aŭ malsuprenirigi la voĉon; sed la kantoj mem estis lernotaj parkere.

Post duo da jarcentoj tamen (Xa — XIa jarcento) oni ekpenis por fiksi la altecon mem de la kantotaj notoj kaj pro tio estis ekuzata,

supre de la teksto, linio, ordinare ruĝkolora. La signo staranta sur tiu linio montris la sonon «fa», kaj por memorigi pri tio, oni skribis, je la komenciĝo de tiu linio,la alfabetan literon kiu en la litera muziknotado latina, respondis al la sono «fa». Tiu litero estis «F». Ĉar tiu unu-nura linio ne sufiĉis por fiksi ĉiujn sonojn, dua linio estis aldonita supre de la unua; ĝi estis koloriĝita flave kaj montris la noton starantan je unu kvinto super la «fa», sekve la «do», kaj, je la komenciĝo de tiu dua linio oni metis la literon C, respondantan, en la litera muzikskribo, al tiu sono: la noto staranta sur la C-linio estis «do».

Poste estis, tiel same, intermetita la linio por la sono «la», kaj ankaŭ supre de la C-linio aŭ malsupre de la F-linio, estis aldonita kvara linio, laŭ la alteco de la voĉo kies kanto estis notota.

Tiamaniere naskiĝis la liniaro. En la Eklezia muzikskribo oni uzis plej ofte ne pli ol kvar liniojn; sed en la profana muziko oni baldaŭ uzis kvin liniojn, kelkfoje eĉ pli.

Kiel la leganto eble jam divenis, la literoj starantaj je la komenciĝo de la linioj fariĝis la «kleoj». Sed nur tri el ili restis en uzado: la F, C kaj G kleoj, t. e. la «fa», «do» kaj «sol»-kleoj kies nuna formo estas konata de ĉiuj muzikistoj.

Oni scias ke tiuj kleoj estis, estinte, uzeblaj «sur diversaj linioj», Nuntempe nur la do-kleo estas ankoraŭ en tiu stado kaj eĉ ĝi emas al malapero: ni notu ĉi-tiun tendencon de la nuna muzikskribo al plisimpligo.

Samtempe kiam naskiĝis iom post iom la liniaro, la malnovaj neŭmoj ŝanĝiĝis je formo por esti skribleblaj sur tiu liniaro kaj montri de nun, ne plu voĉmovaron, sed difinitan sonon aŭ grupon da sonoj: iliaj ekstremaĵoj dikiĝis kaj fariĝis kvadrata punkto. Tiamaniere ekaperis la notoj, kiuj tamen ofte formis ankoraŭ «ligaturojn» montrantajn diversajn sonojn intersekvantajn, laŭ neŭma kunmeto.

Tiu ŝanĝiĝo, kiu estis plene realigita je la XIIa-XIIIa jc., produktis la «kvadratan aŭ nigran muziknotadon».

La Eklezia muziko aŭ Plankanto ne havis difinitan ritmon: ĝi sekvis tiun de la paroloj kantataj. En ĝi ne ekzistis tion kion ni nomas «la takto». Je la sama epoko (XIIa jc.) ekaperis en la muziknotado, sub la premo de la tiam naskiganta diversvoĉa muziko, diversaj notvaloraĵoj komparaj: al la notformoj ekzistantaj oni ekdonis (proporciajn valorojn»; noto kun vosto [ ▀| ] eknomiĝis «longa noto» kaj valoris du (pli estonte ankaŭ tri) «mallongajn notojn» [ ■ ]; malsupre de ĉi-tiu, estis kreita la «duonlonga noto» [ ♦ ]. Du, pli estonte ankaŭ tri duonlongaj notoj valoris unu mallongan. Iom post iom, supre de la longa noto estis kreita la «maksima noto»; malsupre de la «duonlonga» ekaperis la «minimo», la «duonminimo», la «fuzo» kaj la «duonfuzo», kun respondantaj silentsignoj. La muziko skribita per tiu notado (ĉiam nigra kaj komparaj: al la notformoj ekzistantaj oni ekdonis «proporciajn valorporcia notado».

Proksimume je la XVIa jarcento oni «ekblankigis» la signojn de la grandvaloraj notoj de la proporcia notado, t. e., ke interne ili ne plu estis nigrigataj, pro tempo — kaj — presoŝparo. La nigra formo konserviĝis nur por la malgrandvaloraj notoj. Tiu notado estas nomita

«blanka notado». En ĝi ankaŭ estis ekuzataj la notovosto kaj la «hoketo» kiu devenas de la instrumentaj notadoj specialaj nomitaj «tabulaturoj».

Suficis nur rondigi la formon ĉiam ankoraŭ kvadratan de la «blanka notado» por ricevi la nunan muzikskribon. Sed, ĉe la transiro de la proporcia al la nuna notado, valorŝovo okazis: la maksimo, la longa koj la mallonga notoj estas lasitaj for.

La «duonlonga» fariĝis la plej grandvalora noto sub la nomo «ronda noto», kaj malsupre de la «duonfuzo», kiu nun ekrespondis je la «duobla kroĉo», estis kreitaj la «triobla kaj la kvarobla kroĉoj».

Sed la rilataj valoroj de la signoj de la proporcia notado estis unue tre komplikitaj. Kiel ĵus dirite, ĉiuj notoj estis divideblaj ĉu en tri, ĉu en du notoj pli malgrandvaloraj. La divido en tri estis nomata «perfekteco»; la divido en du, «neperfekteco», kaj laŭ la divido koncernis la longan, la mallongan, la duonlongan noton kc., oni parolis pri modo (granda aŭ malgranda), tempoj, prolacioj. Perfekteco kaj neperfekteco estis mikseblaj! ekz. la longa estis dividebla en tri mallongaj, kaj tiuj lastaj ĉiu en du duonlongaj. La perfekteco estis montrata per rondo (O), la neperfekteco per duonrondo (C), je la komenciĝo de la muzikaĵo. Se punkto staris en la rondo aŭ duonrondo, tio signifis, ke la subdividoj estis «perfektaj»; sen punkto, ke la subdividoj estis nur «neperfektaj».

Ekster tio estas rimarkigote ke la valoro de la notoj ŝanĝiĝis laŭ ilia staro antaŭ aŭ malantaŭ aliaj. Tio estis la «alteracio» kc. kc. En la «proporcia muziko» kuŝis tamen la ĝermo de niaj binaraj kaj ternaraj taktdividoj por kiuj baldaŭ la frakcioj anstataŭis la signojn de la perfekteco kaj de la neperfekteco.

Tiuj frakcioj estis unue tre multenombraj, laŭ la notvaloro prenita kiel tempunuo. Por muzikaĵoj havantaj malrapidan movon, la tempunuo estis grandvalora noto, ekz. la ronda noto (taktoj $\frac{2}{1}$, $\frac{3}{1}$, $\frac{4}{1}$ ); sed, kiam la movo de la muzikaĵo estis pli rapida, la tempunuo fariĝis noto ĉiam pli malgrandvalora (ekz $\frac{2}{2}$, $\frac{3}{2}$, $\frac{4}{2}$, $\frac{2}{4}$, $\frac{3}{4}$, $\frac{4}{4}$ aŭ C, $\frac{2}{8}$, $\frac{3}{8}$, kc.; $\frac{2}{16}$ kc. kc.). Du aferoj malsimilaj estis miksataj en tiuj montroj: la takto kaj la movo, kiuj nuntempe fariĝis sendependaj unu de la alia. La uzo de la metronomo multe simpligis la taktomontradon. Nun ni uzas nur la jenajn: binaraj: $\frac{2}{4}$, $\frac{3}{4}$, $\frac{4}{4}$ kaj ternaraj: $\frac{3}{8}$, $\frac{6}{8}$, $\frac{9}{8}$, $\frac{12}{8}$. Alia irado al plisimpligo!

Post la ekuzado de la taktofrakcioj aperis la taktostreko ankaŭ prunteprenita el la «tabulaturoj».

La bazo de la nuna muzikskribo estas ĉiam la diatona gamo do, re, mi, fa, sol, la, si. Se oni volas ŝanĝi je tono, iaj notoj estas pli alt-aŭ-pli-malaltigotaj por konservi, je ilia ĝusta loko, la duontonojn inter la 3a-4a kaj la 7a-8a intervalo. Estas do ne mirinde ke jam frue aperis en la muzikskribo la signoj por la plialt-aŭ-malaltigo: bemolo, bekaro, diezo. La klarigo de ties deveno kaj evolucio devigus nin paroli pri diversaj detaloj (inter aliaj la komplikata sistemo de l'«muancoj», kiu neis la ekziston de la sepa noto «si»!).Tio estus tro longa kaj ĉi-tie nenecesa. Ni nur rimarku, ke por noti la nunan muzikon, kiu fariĝis tute

kromatika (12 duonaj tonoj en unu oktavo), estas uzata diatona skribo.

Por esti plena, ni diru, ne insistante pri la historio de tiu punkto, ke la nunaj nomoj de la notoj de la diatona gamo estas ŝuldataj al la granda muzikscienculo itala de la Mezepoko, la benediktana monaho Guido Aretino (995-1050) kaj devenas de la unua silabo de ĉiu verso de la himno al sankta Johano, ĉar al ĉiu el tiuj silaboj respondis, en la kanto de tiu himno, la sono montrita per ĉiu unua silabo. Jen estas tiu himno:

UT queant laxis
REsonare fibris
MIra gestorum
FAmula tuorum,
SOLve polluti
LAbii reatum,
Sancte Johannes!

Pli malfrue «ut» estis anstataŭata de la Italoj, per «do» pli facile kantebla. La noto «si», kunmetita el S kaj J (= I) de la lasta verso, estis aldonata poste, kiam la citita sistemo de la «muancoj» estis perdinta sian povon.

* * *

Esplorinte nun la trajarcentan devenon de l'ordinara muziknotado, ni klarigu ĉi-ties meritojn kaj difektojn.

Ĝiaj ĉefaj bonaĵoj estas la uzo de liniaro, de notoj kaj de silentsignoj krom la nomado de la notoj. Efektive, la ĝenerala kromatika gamo, de la plej malaltaj ĝis la plej altaj sonoj, aŭ reciproke, faras al nia orelo la impreson de «supren- aŭ malsupreniranta movado kvazaŭ sur ŝtuparo». Estas do tute nature prezenti tiun movadon por la okulo per formopensiganta al ŝtuparo, kaj tia estas ja la liniaro.

Estas ankaŭ nature montri la diversajn paŝojn sur tiu ŝtuparo (t. e. la duontonoj), per bone videblaj signoj sur la liniaro: tiaj ja estas la dikaj rondaj notoj; kaj la silentsignoj estas necesaj por montri la lokon kaj la daŭron de la silentoj lasotaj inter la kantotaj aŭ ludotaj notoj.

Sed dum kaj pro ĝia trajarcenta malvolviĝado englitiĝis kaj restis en la ordinara muziknotado aro da malregulaĵoj, malfacilaĵoj, nesufiĉaĵoj, forigotaj el skribo tute simpla kaj logika.

Unue eĉ la liniaro, la formo de la notoj kaj de la silentsignoj estas pli malpli plibonigeblaj, pli reguligeblaj je formo.

Due, unu el la grandaj difektoj de nia notado estas, ke la 12 duontonoj formantaj kromatikan oktavon estas montrataj per sep diatonaj notoj kun helpo de unuoblaj aŭ duoblaj diezoj kaj bemoloj. Per tiu procedo oni prezentas 12 efektive diversajn sonojn per 31 signoj, ĉar al unu kaj sama sono respondas du, eĉ tri diversajn signojn. Ekz. la sono «do» estas ankaŭ montrata per «si 𝄪 » au **«re 𝄫»**. Krom tio, **unu kaj sama sono,** ekz. «do», estas reprezentata ne nur per sia ĝusta noto (do), sed ankaŭ per du aliaj notoj, kiuj, **por la okulo,** staras **pli alte** (re 𝄫 ) aŭ **pli** malalte (si 𝄪) ol la ĝusta noto mem. La procedo de la ordinara muzikskribo estas do samtempe terure malsimpla malregula kaj mallogika!

Tria malbonaĵo estas la uzo de la kleoj. Unu kaj sama noto estas legota alimaniere laŭ la uzita kleo, dum estus multe pli simple ĉiam montri la saman sonon per unu kaj sama noto.

Kvare, eĉ ĉe la uzado de unu kaj sama kleo, la samnomaj notoj havas alian staron, laŭ la oktavoj. Ekz., en solkleo la noto «mi» staras sur la unua linio; unu oktavon pli alte ĝi staras **inter** de la 4a kaj 5a linioj; ankoraŭ unu oktavon pli alte, ĝi staras **sur helplinieto kun du helpliniet-oj malsupre!**

Kvine, eĉ la tri kleoj kune ne kapablas notigi ĉiujn sonojn uzatajn en la nuna muziko, kaj devigas uzi artifikojn: oni uzos, ekz. la formulon «8a alta, 8a bassa», aŭ oni skribos la parton de ia instrumento unu oktavon pli alte ol ĝi efektive sonas (kontrabaso) aŭ unu oktavon pli malalte (malgranda fluto).

Fine la montrado de la takto estas plisimpligebla per la alpreno de unu kaj ĉiam sama notvaloro kiel tempunuo.

* * *

Ni trarigardu nun la rimedojn proponitajn por plibonigi la muziknotadon. La projektoj estas divideblaj en du kategorioj: tiuj kiuj konservas la liniaron; tiuj kiuj ĝin forigas.

La nombro de la projektoj entute superas 300! Ni ĉi-tie citos nur kelkajn el la plej karakterizaj sistemoj, komencante je la 2a kategorio kiu enhavas la plej malnovajn.

Kelkaj aŭtoroj (Bernard Schmit, Joachim Burmeyer, Cruger, k. c.) proponis uzi literojn kiel notojn. La plej konata sistemo el tiu grupo estas la «Tonic Solfa» de Miss Glover (1785-1867), ankoraŭ nun sufiĉe disvastigata en Anglujo. Jen ekzemplo:

Clef E♭•s | s:-˙s | l:t | d':-r | t:s | d':s | m:s | (clef B♭) r:- | :8d | t,: •t, | d:r | m:-r | d- ||

Patro Souhaitty (XVIIa jc.) unue, Jean - Jacques Rousseau (1712 - 1778) post li, proponis uzi kiel notojn la sep unuajn arabajn ciferojn. Tiu sistemo estas plibonigita dum la XIXa jc. vice de Galin, de A. Paris kaj de Chevé sub kies triobla nomo ĝi estas nun disvatigata en Francujo.

Ekzemplo de la centra oktavo:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| do | re | mi | fa | sol | la | si |
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 |

La nulo montras silenton. Punkto super la ciferoj montras noton de la supera oktavo; punkto malsupre de cifero, montras noton de la malsupra oktavo; unuoblaj aŭ duoblaj strekoj tra la ciferoj montras la diezojn ( / ), la bemolojn ( \ ) aŭ la duoblajn diezojn ( // ) aŭ duoblajn bemolojn ( \\ ) kc.

Aliaj aŭtoroj uzas notojn senliniarajn kies formo (Sauveur) aŭ vostodirekto (De Motz de la Salle) montras la diversajn sonojn diatonajn. Kelkaj eltrovistoj prezentis eĉ signojn tute fantaziajn kaj strangajn, kiuj formas projektojn tute ne praktikeblajn (Riebestahl, Bertini, k.a.).

La ĝenerala difekto de ĉiuj tiuj sistemoj estas ilia nepra nekapableco por noti la nunan muzikon multvoĉ — kaj — instrumentan kaj harmo-

nie tre komplikitan. Imagu do tion kio fariĝus partituro aŭ nur simple fortepiana muzikaĵo skribita per ekz. la sistemo «Tonic Solfa» aŭ per cifera muziko! Tio estus nelegebla enigmo!

En la kategorio konservanta la liniaron ni devas ankaŭ citi sistemojn en kiuj la notoj mem estas montritaj per strangaj signoj,kiuj malsimpligas la notadon kaj la legadon (Ed. Jue, Maurice Delcamps, Danel, k. a.).

William Striby uzas du seriojn de sesliniaj liniaroj kies kvara linio estas dikigita kaj kies notoj sonas je interspaco de du oktavoj.

Tiu sistemo nenion korektas, kaj plie havas la difekton preni klavarinstrumenton kiel bazo de la notado, anstataŭ konsideri nur tion, kio estas komuna al ĉiuj instrumentoj: la ĝeneralan kromatikan gamon kun 12 duontonoj en ĉiu oktavo! La sistemo cetere restas diatona. En aliaj sistemoj oni penas montri la diatonajn notojn kaj la kromatikajn «samnomajn» skribante unujn blanke, la aliajn nigre: tiu procedo, ŝanĝante la signifon de «blankaj kaj nigraj» notoj, detruas unu el la plej karakterizaj ecoj de la muzikskribo ordinara, kiu estis precize konservota, kaj plie muziko skribita per tiaj sistemoj aspektas strange!

Estas tamen en ĉi-tiu kategorio, ke estas troveblaj, ĉe diversaj aŭtoroj, bonegaj ideoj kies lerta kunigo en unu sistemo povus doni la solvon de l'problemo, kaj ĝin donis efektive. Ni citu la projekton de Boigelou (samtempano de J. J. Rousseau),kiu je l'unua kaj l'ununura (1) fojo antaŭ S-ro Hautstont, proponis sendependigi ĉiujn notojn de la gamo, uzante sur seplinia liniaro, la 12 duontonojn de temperata oktavo, kiujn li nomas:

ut de re ma mi fa fi sol be la sa si ut

Kolonelo Treuille de Beaulieu, aŭ, laŭ aliaj kleruloj, Fourier, elpensis la notadon de la sep diatonaj notoj sur trilinia liniaro.

La belga muzikscienculo Charles Meerens (1831-?) havis la ideon numeri la oktavojn; bedaŭrinde li komencigis la numeradon per sonoj tro malaltaj kaj ne jam muzikaj. Li kunigis ankaŭ la montron de la takto kaj de la movo en frakcio, kies numeratoro esprimas la nombron de tempoj kaj la denominatoro, la nombron de la metronomo. Ĉio alia estas konservita. Tiu sistemo kvankam enhavanta bonan ideon, ĝin ne bone realigis kaj aliparte nenion korektis.

* * *

S-ro Jean Hautstont estas la feliĉa eltrovinto de la vera solvo de l'problemo, solvo je la unua fojo publikigita en 1907a en la verko titolita «Notation musicale autonome». Jen ĝia konsisto. La notado estas bazita sur la 12 kromatikaj duontonoj, kiuj estas skribataj sur trilinia liniaro jenmaniere:

do de re me mi fa fo sol sa la li si (do)

La nomoj de la «kromatikaj» notoj estas donitaj laŭ la jena regulo:

(1) Esceptante tamen, laŭ mia scio, S-ron Mencheca kiu uzis la 12 duontonojn en sistemo multe tro sinteza.

konsonanto de la antaŭiranta diatona noto + vokalo de la sekvanta. Laŭ tiu regulo la noto staranta inter «re» kaj «mi» devus nomiĝi «ri», sed pro belsoneco kaj facileco de prononco, la regulo estas ĉi-tie renverse aplikita, kaj tiu noto nomiĝas «me».

La oktavoj (2) estas numeritaj,komencante de la noto «do je 32 futoj» de l'orgeno, t. e. la «do» lokita unu oktavon pli malsupre ol la unua «do» de l'fortepiano, kiu estas la unua **muzika sono praktike uzebla.** Tiamaniere la oktavo enhavanta la sonon « la » de l'diapazono estas la Va. La oktavoj estas numeritaj per arabaj ciferoj, escepte la Va, jenmaniere:




La tempunuo estas ĉiam la nigra noto. Unu cifero sufiĉas por montri la takton jene:

taktoj binaraj : taktoj ternaraj :




Jen estas la diversaj notvaloroj kun la respondantaj paŭzoj:




Por la montro de la intenseco estas uzataj jenaj signoj:

treege mallaŭte tre mallaŭte mallaŭte neŭtrala intenseco ± = mf

laŭte tre laŭte treege laŭte

Jen estas la ĉefaj specialaj signoj de la aŭtonoma muziknotado!Ĝi akceptas la ceterajn signojn de la ordinara muzikskribo, kiel la ligkurbon, la pikadsignon, la punktadsignon, la fermaton, la ripetsignon, kc. kc.

La aŭtonoma muziknotado estas do la rezultato de la kritika pristudado de ĉiuj bonaĵoj kaj malbonaĵoj enhavataj ne nur en la ordinara muziknotado sed ankaŭ en la projektoj de plibonigo. Ĝi estas mirinde alfarita al la postuloj de la moderna kaj eĉ de la estonta muziko, kiu, bazita sur la 12 duontonoj, ĉiam pli fariĝas multtona kaj eĉ sentona Altigaj kaj malaltigaj signoj, unuoblaj aŭ duoblaj, estas forĵetitaj el ĝi. Ĝi estas, pro sia simpleco kaj pleneco, egale taŭga kiel popola kaj kiel

(2) S ro Hautstont ilin nomas pli ĝuste «serioj».

arta muzikskribo, kaj reprezentas pristuditan pluan evolucion de la muzikskribo ordinara.

Ne estas do mirinde ke,vera ovo de Kolombo,la aŭtonoma muziknotado ĝuis, de sia apero, je la aprobo de famaj muzikverkistoj (inter ili, Claude Debussy), kaj de talentaj muzikscienculoj, kiel S-roj Laloy kaj de Curzon. Ĝi havas jam en diversaj landoj kernon de adeptoj, kiuj ĝin entuziasme propagandas por ke ĝi akiru tutmondan konatecon kaj uzatecon kaj ke, estonte, pro favora komparo kun la ordinara muziknotado ĝi iom post iom anstataŭu tiun lastan por la plej granda profito de la muzikarto kaj de la muzikpraktikantoj.

Por ni, Geesperantistoj, mi aldonos nur la jenon: oni povas diri ke la aŭtonoma muziknotado estas vere «la Esperanto» inter la diversaj provoj pri plibonigo, kaj la geesperantistoj certe tutkore kunlaboros por propagandi ĝin, kiam mi estos dirinta al ili, ke ĝia aŭtoro, S-ro Jean Hautstont, estas nia samideano!

L. COGEN.



P. S. 1) En Julio 1921, S-ro Hautstont fondis en Bruselo, kooperativan societon por la eldonado de verkoj pri kaj en A. M. N.

2) Belga Esperantisto akceptis esti la «bulteno» de la A. M. N. inter la Esperantistoj tutmondaj, kaj donos novaĵojn, kc. pri ĝi en siaj diversaj kajeroj.

3) Baldaŭ aperos en lingvo Esperanto, broŝuro en kiu la A. M. N. estos klarigata pli detale.

4) Ĉiuj Esperantaj gazetoj bonvolu se ne represi, almenaŭ priparoli aŭ resumi la ĵus legitan artikolon. Ilia redakcioj bonvolu sendi pruvnumeron al S-ro L. Cogen, 52, Drève, Ninove, Belgujo.

# Ekzameno pri profesora kapableco

La Komitato de la Belga Ligo Esperantista havas la honoron informi la samideanojn, ke ĝi okazigos en marto aŭ aprilo ekzamenon pri profesora kapableco. La loko estos Antverpeno.

La geesperantistoj, kiuj dezirus partopreni en tiu ekzameno, estas petataj komuniki sian deziron kiel eble plej baldaŭ al la Sekretario de la Ligo: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

# Achille Bentos

Achille Bentos estas la artnomo de nia Genta samideano Ahilio De Martelaere, kiu studadis kaj prilaboris sian arton en la Genta Akademio de Desegno- kaj Pentrarto, en kiu li akiris ĉiujn unuajn premiojn por la desegno, kaj en kiu estas ekzemplocele elmontrita unu el la unuaj artproduktaĵoj de la juna artisto. De tiam Achille Bentos ekverkadis



Gent. — Memorŝtono de la 8a urba kvartalo «S-ta Savinto» inaŭgurita la 25an de septembro 1921a.

kiel artpentristo kaj skulptisto, kaj lia talento estas egale granda en ambaŭ fakoj. Li partoprenis en la konkurso por la Roma Premio de Skulptarto kaj estis elektita inter la seso, kiu efektive partoprenis la konkurson.

Jam en 1911 li elmontris en la Genta Art- kaj Literatura Klubo panelon longan je 12 metroj, kiu nun ornamas la kunvenejon de la Urbo- kaj Ŝtatoficistoj en Dendermonde. En 1913 Achille Bentos estis invitata por elmeti siajn pentraĵojn en la honorsalono de la Genta Universala Ekspozicio. Dum la milito li estis verkinta por artamanto aron de pentraĵoj kun figuroj laŭ homa grandeco. Bedaŭrinda sorto atendis ilin: kiam la viro mortis, lia malinteligenta vidvino, al kiu la pentraĵoj ne plaĉis, tutsimple... forbruligis ilin ! Tiu ago estis akre priparolita en diversaj Gentaj ĵurnaloj. Ĉi tiuj verkoj kaj aliaj konigis Achille Bentos kiel talentan «kunmetiston» kaj freskopentriston.

Partopreninte en diversaj ekspozicioj, nia samideano havis nunjare grandan sukceson en Gento per «La Sinjorino kun la Kameo».

La verkoj de A. Bentos, tre bone kaj vigle desegnitaj, estas ĉiuj tre ĝustkoloraj kaj mirinde freŝaj. Lia arto parolas per si mem kaj ne estas influata de tro literaturaj impresoj, kiel ofte okazas nuntempe ĉe multaj artistoj, kies verkoj estas nekompreneblaj, pro tio, de la publiko.

Ne estas do mirinde, ke, kiam la loĝantoj de la Genta kvartalo «Rabot» deziris glori per vere arta memorŝtono la junulojn de tiu kvartalo mortintajn pro la Patrujo, ili sin turnis al la samideano, kiu produktis la ĉi-tie presitan verkon, montrantan vunditan soldaton subtenatan de la Patrujo, kiu tenas en sia dekstra mano la gloropalmon. Vidinte tiun tre belan artproduktaĵon, la loĝantoj de la kvartalo «Sankta Savinto» samcele sin turnis ankaŭ al Bentos, kiu, post tre malmultaj tagoj, ver-



Gent. — Memorŝtono de la 10a urba kvartalo «Rabot» inaŭgurita la 11an de septembro 1921a.

kis la alian ĉi-tie montratan tabulon vidigantan funebrantan Belgujon, kisantan mortantan batalinton sur lia frunto. Ambaŭ verkoj vekis prave la admiron de ĉiuj Gentanoj. Ni, Esperantistoj tutmondaj, estu fieraj, havi en niaj vicoj tiel grandtalentan kaj promesplenan amikon!

L. COGEN.

# Lingva Komitato

## SEKCIO POR LA SCIENCA KAJ TEKNIKA VORTARO.

**Dua Cirkulero de la Direktoro por la Scienca kaj teknika vortaro.**

Karaj Kolegoj,

Kvindek-kvin samideanoj, ĝis la 20-a de julio, respondis la alvokon de la unua cirkulero pri ellaborado de la teknikaj vortaroj.

El ili, kvindek proponis sian kunlaboron en unu aŭ en kelkaj fakoj; du ne difinis ian fakon; du nur esprimis opinion pri labormetodo; unu sendis teknikajn katalogojn, kiel prilaboreblan materialon.

Al ĉiuj respondintoj la Direktoro ne povis skribi persone. La tuta Esperantistaro certe konsentos kun li por esprimi al siaj kolegoj, kiuj komprenis la gravecon de la nuna tasko, sian plej koran kaj sinceran dankon.

* * *

La aludo pri decimala klasado okazigis kelkajn kritikojn, ĉar oni ne ĝuste sciis, kiamaniere estas intencata ĝia uzado.

Unu korespondanto opiniis, ke cent fakoj estas tro granda nombro, kaj proponis ĝin malgrandigi ĝis nur dudek fakoj. Oni poste vidos, ke la nombro de fakoj neniel estas rigide antaŭfiksita; ĝi grade pligrandiĝos laŭ la nombro de la kunlaborantoj kaj precipe laŭ ilia specialeco; nur por pratika oportuneco ĝi dividiĝos laŭ diversgradaj subfakoj.

Alia respondinto sprite kaj ĝuste rimarkigis «ke la homaro ne evoluis podeke, kaj ke Zamenhof kreis majstroverkon, simple ĉerpante el la ĉiutage vivo». Efektive, en la intencata plano la decimaleco ludas nenian esencan kaj lingvan rolon. Ĝia ofico estos organiza, korespondа, kvazaŭ nur simple administra. Ĝi nur utilos, por disdividi la laboron laŭ jam pretaj fakoj.

Kiam ne elektiĝas jam pretan, okaze dek-ĉambran domon, ni tute bone povas aranĝi en ĝi nature nian vivon, kvankam ankaŭ la homa loĝado en evoluis «dek-ĉambre». La decimala klasado estos por ni jam preta domo; ĝia ĉefa bono estas nur, ke ĝi jam prete ekzistas, ke ĝi estas sufiĉe diskonata kaj ebligas senfinan disvolviĝon de modeste komencita entrepreno.

Se en nia domo la deka ĉambro ne estos utila, tiam ni ĝin simple ne uzos; se, kontraŭe, dek-unuan ĉambron ni bezonas, tiam ni senĝene ĝin konstruos. De la jam preta klasado ni ne estos sklavoj; ĝi kontraŭe estos nia laŭvola servanto. Eble, ne tre logike malsamaj metiistoj loĝos en sama ĉambraro. Tute same, kiel en la praktika vivo, tio ne estos tre grava, se nur ni konas iliajn adresojn, kaj se la komuna laboro efektiviĝos.

La alpreno de tia ĝenerala klasado, kun dividoj kaj diversgradaj subdividoj ĉefe staras por ni sur tiu ĉi principo, ke la laboro por teknikaj vortaroj senfine pliampleksiĝos kaj dume unu sola direktoro ne povos persone rilati kun senfine kreskanta nombro da kunlaborantoj. Tial ili

are grupiĝos laŭ fakoj kaj subfakoj kun ĝeneralaj kaj diversgradaj fakestroj. Nur kun ĝeneralaj fakestroj rekte rilatos la Direktoro, ĝeneralaj kun duagradaj, k. t. p. Tiel, kun kreskanta nombro da fakoj ne kreskos senfine la laboro de unu persono, sed la nombro de ĝiaj helpantoj.

Principe ekzistas dek ĝeneralaj fakoj, kiuj grade disfakiĝos laŭ la jam pretaj dividoj, — aŭ proksimume, — kiam plimultiĝos, plidiversiĝos kaj plispecialiĝos la kunlaborantoj.

* * *

Por ĉiu ĝenerala fako kaj ankaŭ por ĉiu duagrada fako, kiu enhavas kelkajn kunlaborantojn, fakestroj bonvolu jam nun sin proponi. Por plenumi sian precipe administran oficon, ili kompreneble ne bezonas persone posedi teknikan kompetentecon pri ĉiuj subfakoj, same kiel la Direktoro ne estas mem kompetenta pri ĉiuj ĝeneralaj fakoj. Nur necese estas, ke ili disponu sufiĉan tempon por oportune rilati kun la fakanoj kaj la ĝenerala fakestro aŭ la Direktoro. Ili ankaŭ ne loĝu tro malproksime de Parizo kaj estu almenaŭ Europanoj.

Je la fino de tiu ĉi cirkulero estas aldonita plena adresaro de la ĝisnunaj kvindek-du fakanoj, por ke ili povu jam nun interrilati inter si kaj organizi sian laboron.

* * *

Pri labora plano ne multaj estis la esprimitaj opinioj; unu proponis: «ni komence faru, kion ni ĉefe **bezonas**», aliaj opinias: «tion ni faru, kion ni nur **povas**».

Teorie tre alloga estas la unua propono. Teknikaj kompetentuloj — ne devige Esperantistoj — starigus nacilingve tabelojn de la plej necesaj vortoj pri «la domo», «la kampo», «elementa tekniko», «internaciaj rilatoj». Poste, esperantaj lingvistoj — ne devige teknikistoj — farus la Esperantan tradukon. Bedaŭrinde, praktika sperto montris, ke en samaj kapoj devas troviĝi samtempe teknika kaj Esperanta kompetenteco. Sen tia kunesto, oni tre ofte nur venus al ne taŭgaj tradukoj.

La dua propono respondas tiun ĉi necesecon. Nur tiujn teknikajn vortarojn ni nun ellaboru, pri kies teknika materialo ni havas kompetentajn samideanojn. Feliĉe montriĝas el la supra nomaro, ke en ĉiuj plej necesaj fakoj ni havas la bezonatajn specialistojn. Tiel samtempe povas kontentiĝi ambaŭ postuloj: ĝuste tion ni p o v a s fari, kion ni plej b e z o n a s.

* * *

Ankaŭ pri labormaniero de la kunlaborantoj prezentiĝas du malsamaj vojoj; unue, tradukado de naciaj teknikaj vortaroj; due, tradukado aŭ verkado de elementaj lernolibroj en ĉiu fako.

Kelkajn gravajn vortarojn oni citis, nome:

1° Seslingvan **vortaron pri inĝenierarto,** eldonitan de Constable and C°, 10-12, Orange Str., Leicester Sq., London, W. C. 2.

2° Kvarlingvan «Technologisches Wörterbuch», von Offinger, Stuttgart, J. B. Metzlersche Buchhandlung.

3° «Illustrierte Technische Wörterbücher», Schlomann-Oldenbourg, — München und Berlin, Druck und Verlag von R. Oldenbourg.

La laste nomitaj «Wörtenbücher» konsistas el diversaj volumoj; unu estas dediĉita al ĉiu aparta fako. Da tiaj volumoj ekzistis en 1909 jam dek, kaj ili de tiu tempo plimultiĝis.

Ĉu ni traduku, unu post alia, de la komenco ĝis la fino, ĉiujn vortojn de tiuj ĉi grandaj vortaroj?

Praktikemulo prave atentigis, ke la vortarojn ni volas havi sur nia skribotablo, ne en nia ŝranko. Ni do devas elekti, kiel unue tradukotajn, tiujn el la teknikaj vortoj, kiuj estas plej urĝe bezonaj. La ceteraj venos poste.

Por tio mirinde taŭgas la dua proponita metodo. Ni traduku aŭ, pli bone, ni speciale verku en ĉiu fako elementajn kaj poste pli detalajn lernolibrojn. Ni ĉerpu pri tio la tradukan materialon el la naciaj teknikaj vortaroj kaj el la jam eldonitaj provaj vortaroj, kiuj estis jam eldonitaj en Esperanto.

Tiuj lernolibroj ne bezonos esti verkitaj laŭ pedagogia vidpunkto, sed ĉefe kun la celo elekti la plej necesajn radikojn kaj praktike **p r o v i** ilian uzeblecon. Ili eĉ ne nepre bezonas esti plene verkitaj ĉar sendube la plimulto el ili neniam povos esti presita.Sufiĉos, se la celo de elektado kaj praktika provado estos atingita. La vortoj poste aperos en formo de alfabetaj tabeloj, kun esperante redaktitaj klarigoj kaj eventuale komprenigaj ilustraĵoj.

Por la eldonado de la vortaroj, la sama praktikulo, kiun mi jam citis, atentigas, ke mono estas necesa kaj ke financan planon oni devas jam nun starigi. «Mi spertis, li diras, ke entute la Esperantistoj estas oferemaj, kondiĉe ke ili vidas klaran celon, scias, kiu estas responda kaj regule ricevas informojn pri la spezoj... Dudek mil frankoj estos troveblaj, ne timu, kaj per ili vi povos bone komenci».

Kiom prava estas nia samideano, ne bezone estas iel insisti, sed ŝajnas, ke ne al la lingvaj institucioj apartenas la esploro de tiu ĉi Financa flanko de la demando, kvankam ĝi evidente estas nepre konsiderinda por atingo de praktikaj rezultatoj.

D-ro PIERRE CORRET,

**Direktoro de la Akademia, Sekcio por la Tehnika kaj scienca Vortaro.**

# La Lingvo

La lingvo estis ĉiam inter la homoj signo de diferenco kaj de aparteco. La fakto, ke du kategorioj de homoj sin ne komprenas, incitas ilin kolektiĝi malamike unu kontraŭ la alia. Agoj estas farataj ambaŭflanke, kaj, en plej multaj okazoj, ili estas malbone interpretataj en la kontraŭstaranta grupo, kie oni ne komprenas la principon, kiu agigas la aligrupanojn. La reciproka klarigo, pro la diferenco de la lingvoj, estas malfacila, se ne neebla.

Observante tiun fakton, multaj Esperantistoj pretendas, ke sufiĉas ke la mondanoj komprenu ĉiuj saman lingvon, por ke ili vivu pace

kaj por ke eble estontaj militoj estu evitotaj. Klarege estas, ke la konscio de frateco iĝus fortega pro tio, ke la homoj sin interkomprenus, kaj povus klarigi al si prave la agadon de la alilanduloj. Tamen, tiom longe, kiom ni vivos dividitaj en ŝtatoj memstarantaj kaj nepre nedependaj, la ekonomiaj deziroj de la diverslandanoj multokaze estos kontraŭstarantaj. Plejofte la kontraŭeco de la deziroj devenas nur de la ekzisto de landlimoj, tial ke ili kontraŭmetas la posedemon de la disigitaj homoj. La militoj inter la urboj, tiel oftaj dum la mezepoko, malaperis, kiam la urbaj profitoj kunfandiĝis en unu komuna profito de granda ŝtato. Sammaniere la rilatoj inter la diversaj ŝtatoj iĝos amikaj nur tiam, kiam iliaj profitoj kuniĝos en komuna tutmonda profito.

Nur la universala Ŝtataro alportos en la mondon daŭreblan pacon. La tuta mondo estas nur unu ekonomia unuo, kaj la kunlaboro de ĉiuj partoj estas nepre necesa.

Al tiu-ĉi celo devas esti direktataj la klopodoj de tiuj, kiuj deziras la mondpacon. Esperanto, disvastigante la ideon de reciproka neceseco de la tuta homaro, preparas la vojon al la Mondŝtataro. Ĉi tiu estas ankoraŭ tre malproksima, sed sendube ĝi iam stariĝos per la bonveolo de la refratiĝonta homaro.

M. DE KETELAERE.

# Puntfaristino

La loko estis malgaja; malforta lumo sin ŝovis tra la fenestro, apud kiu sidis la laboristino; ŝi estis virino proksimume kvardekjara, flavhaŭta, maldika kaj silentema, kies grandaj sekaj manoj, kvankam rigidiĝintaj pro malvarmo, en tiu ĉambro nehejtata dum tiu vintrokomenco, movigis kun neordinara lerteco la fadenplenajn bobenetojn per regula puŝetado de la fingropintoj. Ŝi ilin kaptis, forĵetis, intermiksis kaj ilin rulis sur la kuseno.

Multego da longaj kupraj pingloj kovris la aparaton: ĉiumomente ŝi alilokigis iun, reprenis siajn bobenetojn, kaj la lino kruciĝante formis arabeskojn, florojn, stelojn, rozegojn, kiel farus kaprico de frosto sur fenestrovitro. Sur la antaŭa parto de la kuseno estis fiksita la modelo, kaj mi admiris kiel rapide realiĝis sen intermankoj nek riparoj la multnombraj kombinoj de desegnaĵo densa kaj delikata kiel aranea reto.

Dum la puntfaristino, dorskurbite penegante super sia tasko kaj fikse rigardante siajn pinglojn, interplektadas siajn fadenojn, ombro de preterpasanto de temp'al tempo etendiĝas sur ŝiaj palaj manoj kaj mortiĝanta bruo de kalkanumoj sin miksas kun la bobenklaketado.

CAM. LEMONNIER

Tradukis el Franca lingvo Gabr. Janssens.

# La skota glavdanco

Ni jam havis la okazon miri pro la originalaj *moroj de skotoj*. Kiam ni. iom post la fino de la mondmilito, vidis la skotajn soldatojn preterpasantaj en niaj stratoj, tre interesis nin iliaj uniformoj, por ni neordinaraj; sed pli da sukceso havis iliaj muzikistaroj.

Alia kutimo ankoraŭ ekzistas ĉe ili, ankaŭ tre interesa por tiu kiu volas sciiĝi pri la moroj de alilandanoj. Ĝi estas la fama glavdanco.

Kvankam tiu danco estas tre disvastigita en Skotlando, ĝi ne estas nur skota propraĵo. Ĝi estas komuna en multe da landoj, sub diversaj formoj. En la unuaj periodoj de la historio, ĝi estis dancata sur la batalkampo, antaŭ la batalo. Akompanata de krioj, ĝi precipe celis eksciti la kuraĝon de la batalontoj. Tiam la dancantoj faris gestojn de atako kaj defendo por montri sian lertecon je la bataliloj.

Nuntempe oni pruvas posedon de vera dancierteco, dancante super kvar glavoj krucitaj aŭ metitaj pinto kontraŭ pinto sur la tero. Knaboj, tenante la manojn sur la koksoj, sur unu kruro dancas laŭ la sonoj de la muziko, kiun aŭdigas sakfajfisto. Saltante alterne per unu kaj alia kruro, ili levas siajn piedojn alte super la tero, klopodante ne tuŝi la glavojn. Rondsaltante ili balancas la tutan korpon, dum la muziko iom post iom plirapidas. Aŭdigante batalajn kriojn, ia dancantaj ĉiam daŭrigas sian rondsaltadon, ĝis kiam subite, post fina plirapidigo, la muziko ĉesas, kaj ili reenmetas la glavojn en la ingojn. La pli grandan lertecon elmontris tiu, kiu eĉ ne unufoje tuŝis la glavojn.

R. BROECKHOVE.

# Humoraĵoj

TRO MALFACILA! — Knabo venis ĉe apotekisto kaj demandis pastilon por forigi pulojn. «Por kiom vi deziras havi», petis la apotekisto. «Mi ne scias, mi ne kalkulis ilin», respondis la knabo.

* * *

LA VOJO! — Viro alparolis knabeton kaj petis: «Ho, Johanĉjo, montru al mi la stacidomon». — «Jes, Sinjoro, sed... kiel vi scias, ke mia nomo estas Johanĉjo?» — «Ha, mi divenis tion.» — «Nu! divenu ankaŭ kie estas la stacidomo!»

# Vidita afero

Kelkaj inter vi sendube memoras ankoraŭ la cirkon Barnum kaj Bailey, kiu antaŭ multaj jaroj veturis tra nia lando, kaj ankaŭ organizis prezentadojn en Antverpeno. Iam mi havos la okazon iri al ĝi. Atendante, post la prezentado, la alvenon de mia edzino kaj de ŝia fratino, mi staris proksime de la loko kie kelkaj elefantoj manĝis. Tiu-ĉi manĝejo estis barita nur per dika ŝnuro.

Du virinoj, laŭŝajne kamparaninoj, ankaŭ estis tie kaj interkomunikis al si siajn impresojn parolante tre laŭte kaj farante multe da gestoj.

Unu el la elefantoj, kiun eble ĝenis la babilado de la virinoj, turnas sin, rigardas ilin, kaj alvenas malrapide kaj mallaŭte, levante tre alte sian rostron. La virinoj ne rimarkis la beston alproksimiĝantan. La elefanto subite faligis sian rostron inter la babilemulinojn, kiuj, timigitaj, kriegante forkuris.

La elefanto, konstatante la efikon akiritan, reiris al sia manĝo, palpebrumante kaj blekante pro ĝojo, kaj mi, kiu observis la tutan scenon, mi devas diri al vi, ke, neniam mi tiel bonkore ridis kiel tiam.

F. COLLIER.

# Diversaj informoj

INTERNACIA SCIENCA ASOCIO. — Akceptis ankaŭ la aktivan komitatanecon de la Asocio S-ro Rollet de l'Isle, 85, rue du Sommerard, Paris (5e). Oni petu la flugfolion pri la Novstarigo de la I. S. A. kaj pri la «Scienca Revuo», kiu estas plej interesa dokumento pri la historio, kaj la programo de la Societo.

SKOLTA ESPERANTISTA LIGO. — Tiu internacia Ligo, kies ĝenerala sekretariejo estas en London, estas oficiale reprezentata en 19 diversaj landoj. Por Belgujo, la provizora agento estas S-ro Jos. Hérion, rue des Raines, 8, Verviers, kiu ĵus nun, klopodas interesi pri Esperanto la ĝeneralan sekretariejon de la Belgaj Skoltoj en Bruselo. — Partan sukceson li jam povas anonci. Tiu Ligo celas propagandi Esperanton inter la knaboskoltoj; varma alvoko estas farata al ili por ke ili tuj membriĝu. La jara kotizaĵo estas 3 anglaj ŝilingoj. Oni sin turnu al la agento de sia lando. La ĝenerala sekretario estas nun: S-ro trupestro Norman Booth, M. S. P. Netherton, Huddersfield, Yorkshire, Anglujo.

STUDENTA LIGO ESPERANTISTA. — Ĉiu esperantisto-studento (almenaŭ 14-jara) aliĝu tuj! Ankaŭ studentaj societoj. Ĉiu interesulo pri studentaj aferoj povas fariĝi subtenanta membro. Kotizaĵoj por Belgujo: Membro-abonanto (de la oficiala gazeto monata): Fr. 3.60; Membro: Fr. 0.90; Membro-subtenanto pagas almenaŭ duoblan kotizaĵon de membro abonanto. Dum la XIa Belga Kongreso en St. Niklaas (Pentekosto 1922) okazos fakkunveno de la studentoj. Sciigu jam nun vian partoprenon al la delegito: Victor Hendricx, Zalmstraat, 43, Gent.

INTERNACIA ASOCIO DE INSTRUISTOJ estas restarigita en Praha kaj jam komencis efektivigi la decidojn tie faritajn. Aperis jam la unua postmilita numero de «Internacia Pedagogia Revuo». La jarkotizo kun abono estas por Belgujo: Fr. 10.—. Ĉiuj Instruistoj Esperantistaj tuj sendu sian aliĝon al S-ro Jan Jacobs, Kasisto kaj Redaktoro-Administranto, 444, Boomsche Steenweg, Antwerpen.

ANTVERPENO (Belglando). — INTERNACIA EKSPOZICIO DE FOTOGRAF-ARTO. — Dum la monato Aŭgusto 1922a la Reĝa Societo de Fotografaj kaj Sciencaj Studoj de Antverpeno organizos tiun internacian ekspozicion, en kiu ĝi invitas partopreni precipe ne — profesiajn fotograf - amantojn de la tuta mondo. Poŝta Kesto 763, Antverpeno. La Esperantistaj delegitoj kaj grupoj estas petataj konigi tiun informon per la lokaj fakaj gazetoj kaj asocioj.

## Koresponda fako

(Enpreso de malgranda anonco kostas Fr. 1 aŭ 4 respondkuponoj.)

**Deziras korespondi:**

J. Vilutis, Ukio Makypla, Datnava (Litovujo).

Michel Ambros, Zabalkanski, 53, Petrogrado (Ruslando) pri lingvistiko, (ruse, pole, esperante, france, angle, germane, japane).

I. Sapirŝtejn, Poŝtkesto 23, Gomel (Ruslando).

Fr. Drbohlav, Robousy 90, Jicin (Ĉehoslovakujo).

Z. Vaŝek, studento, Kounic 38, Obchodni akademie, Brno (Ĉehoslovakujo).

Alfred Boerko, str. Marszalkowska, Varsovio (Polujo). France.

Franz Beran, Longa Strato 23, Leitmeritz (Bohemujo).

# Nekrologio

VICTOR HENDRIK NABBE. — Muzikisto, Vundulportisto ĉe la 5a regimento, honorita per multaj naciaj ordensignoj, mortis kiel soldato en Rhumbeke la 16an de oktobro 1918a, dum la lastaj tagoj de la milito. Lia korpo estis reenterigata en Antverpeno la 19an de novembro 1921a, dum ĉeestis multnombra funebranta amikaro. Hendrik Nabbé estis nur 26-jara. Li estis membro de «La Verda Stelo» de 1911a. Simpla sed inteligenta junulo, li estis sincera Esperantisto. Mi bone memoras, ke, dum la milito, lia fratino montris al mi leteron kontrabande pasigitan, per kiu li petis ŝin komuniki al mi, ke li estis tiel kontenta esti lerninta Esperanton, kiu lin servis jam multfoje dum lia militservo. Al la familio, kiu perdis fidelan filon, ni prezentas nian plej koran kondolencon.

RENE TIMPERMAN, mortis en Antverpeno la 4an de novembro 1921a, aĝa je 60 jaroj. Kvankam jam nejuna, li lernis Esperanton en la jaro 1911a, kaj senĉese restis entuziasma kaj ideala partiano de nia movado. Li celis precipe enkonduki nian lingvon en la Antverpenaj rondoj laboristaj, de kies organizaĵoj li estis ankaŭ aktiva membro. Li estis modesta, bonkora kaj tolerema viro, kaj plene meritis la estimon de ĉiuj samideanoj, kiuj lin konis. Lia vidvino kaj liaj infanoj akceptu la esprimon de nia sincera simpatio.

ALPHONSE COGEN, patro de nia samideano L. Cogen, vicprezidanto de la Belga Ligo Esp. mortis en Gent la 12an de decembro 1921a. S-ro A. Cogen estis la plej maljuna artpentristo de Gento: li estis 80

jara. Li estis altkaraktera homo kaj talentoplena marpentristo. Malgraŭ lia granda aĝo, liaj lastaj verkoj, plenaj je viveco, movo kaj lumo, atestas pri la ĉiam renovigitan kaj paciencan energion de la respektinda artisto. La tuta belga Esperantistaro prezentas al S-ro L. Cogen kaj al lia estimata patrino sian plej sinceran kondolencesprimon.

ADAM ZAKRZEWSKI mortis en Varsovio la 1an de novembro 1921a aĝa je 65 jaroj. Li falis sub veturilon en la strato. La eminanta mortinto estas bone konata de la belga Esperantistaro pro lia «Historio de Esperanto» publikigitan en la 4a jarkolekto de B. E. Tiu majstra verko ricevis unuan premion en la Literatura konkurso de la 7a Internacia Kongreso. Li estis membro de la Lingva Komitato.

F. S.

# Gratuloj

Al nia samideano THEO DURIEUX, membro de «La Verda Stelo», Antverpeno, pro lia edziĝo (10an de decembro 1921) kun Fraŭlino EMMA EX.

# Bibliografio

ELEKTITAJ POEMOJ de Heinrich Heine, tradukitaj de Friedr. Pillath. Dua kompletigita eldono. N° 6 de Nova Esperanto Biblioteko. — Eldonis: Fr. Ellersiek, Berlin. 48 paĝoj 15 × 11 cm. Prezo: Mk. 3.— + 80 o/o.

La fakto, ke dua eldono de ĉi tiu kolekto jam aperis, estas plej klara pruvo, ke la Esperantistaro akceptis laŭmerite la lertan tradukon de S-ro Pillath.

A KEY TO ESPERANTO, nova eldono de la Ĉefeĉa Ŝlosilo. Eld. Brita Esp-o Asocio. London. 32 paĝoj 10 1/2 × 7 cm. Prezo: 1 penco.

ENSORĈO, unuakta dramo de A. Paolet. N° 2-3 de «Malgranda Kolekto de l'Esperanto». Eldonis 1915: A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italujo). 36 paĝoj 15 × 10 1/2 cm. Prezo: Fr. 0.50.

EPIZODO DE MILITO de Claudius Colas. N° 1 de la malgranda kolekto de l'Esperanto. Eldonis: A. Paolet, S. Vito al Tagliamente (Italujo). 16 paĝoj 15 × 10 1/2 cm. Prezo: Fr. 0,50.

Malgranda milita skizo de nia bedaŭrata samcelano Cl. Colas, kiu mortis sur la batalkampo per kuglo en la kapo, la nokton de 10-11a de sept. 1915. La aŭtoro de tiu libreto sukcesplene propagandis nian lingvon en la katolikaj rondoj.

LILIO, Rakonto originale verkita en Esperanto de E. Alleye Sinnotte. Eldonis 1918: Brita Esp-o Asocio, London. 194 paĝoj 18 × 12 1/2 cm. Prezo 2 ŝ.

Ĉiurilate bela libro. Stilo vere internacia.

ŜAKLUDADO, de Josefo Giacosa, Esperantigis verse P. & R. Padulli. Eldonis 1921: A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italujo). 48 paĝoj 17 1/2 × 12 1/2 cm. Prezo: Fr. 2.50. Beleta unuakta komedio por 4 aktoroj.

LA ĈASO AL DIABLO. Rakonto de U. E. Bersetzerre. Esperantigis A. L. Reni. N° 4-5 de «Malgranda Kolekto de l'Esperanto». Eldonis 1916: A. Paolet, S. Vito ai Tagliamento (Italujo). 32 paĝoj 15 × 10 1/2. Prezo: Mk. 6.—.

ZWEISPRACHIGE BUECHEREI — DULINGVA BIBLIOTEKO : (eldonita de Ader & Borel, Dresden).

N° 1. D-ro ZAMENHOF, kreinto de Esperanto, germana teksto de Heinrich Nienkamp, Esperanta traduko de Jacob Schenkel. 32 paĝoj 15 × 11 cm. Prezo: Mk. 0.50 + 50 o/o.

N° 2-3 KLEINE ESPERANTO SPRACHLEHRE de Herman Bobs. 64 paĝoj 15 × 11 cm. Prezo Mk. 1.60 + 50 o/o.

LEHR- UND UEBUNGSBUCH DES ESPERANTO von Karl Schönherr, 14a eldono, 1920, ĉe Ader & Borel, Dresden, kun SCHLUESSEL (ŝlosilo). 134 paĝoj kaj 56 paĝoj 21 × 13 1/2 cm. Prezo: Mk 6.— kaj 4.50 + 50 o/o.

LEHRBUCH DER WELTSPRACHE ESPERANTO vor Karl J. Loy- Eldonis 1921 J. C. Huber, Dresden apud München. 58 paĝoj 16 × 11 cm. Prezo M. 3.—.

VOLLSTAENDIGES LEHRBUCH DER WELTHILFSSPRACHE ESPERANTO de D-ro A Möbusz; 4-a korektita eldono. Ĉe Otto Nemich, München - Leipzig. 130 paĝoj 22 × 14 cm. Prezo: nemontrita.

LECIONOJ DE TIPOSTENOGRAFIO de Pilade Cappellari (en lingvoj Esperanta kaj itala) eldonita de A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italujo). 32 paĝoj 24 × 17 cm. — Prezo: Fr. 1.—.

Sistemo de komposte presebla stenografio.

LA FINA BATALILO (HELLITO AŬ ......?). Vizio. En angla lingvo verkita de Theodora Wilson Wilson; tradukita Esperanten de Kelkaj Amikoj. Eldonis C. W. Daniel Ltd. Graham House, Tudor Street, London E. C. 172 paĝoj 18 × 12 1/2 cm. Prezo 2 ŝ.

LEGOLIBRO. Unua volumo: Internacia Anekdotaro; de P. William. N° 7 de Nova Esperanto-Biblioteko, eldonita 1921 de Fr. Ellersiek, Berlin. 64 paĝoj 15 × 11 cm. Prezo Mk. 9.— + 50 o/o.

Kolekto de pli ol 75 anekdotoj ĉerpitaj el diversaj lingvoj.Bona Esperanta stilo.Kiel ĉiuj eldonaĵoj el tiu «biblioteko», ĉi tiu libro ankaŭ havas belan aspekton.

Fr. DELGARBO.